I Jaro. III Num. 1917 Marto.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



D-RO. RAFAEL DE SAN MILLAN

Prezidanto de Zamenhofa Federacio kaj Centra Madrida Grupo

# J. Amos Comenius (Komensky)

**(1592 - 1671)**

Inter la nomoj, kiuj estas gravuritaj por eterne en la tabuloj de la Historio, ĉi tiu speciale meritas atenton de Esperantistoj, memorigante ilin pri homo plej altgrade klera, kiu traesploris per sia ĉionampleksanta intelekto ankaŭ la demandon pri helpa lingvo internacia, kies fundamentojn li starigis en sia fama verko «Via lucis», aperinta jam en la jaro 1642. Comenius estis bohema filozofo kaj tieldire patriarko de pedagogio, kiel pruvas liaj preskaŭ kvindek verkoj didaktikaj.

En la sekvantaj linioj, ĉerpitaj el du liaj libroj, reflektiĝas liaj homamaj ideoj: klerigado de popolo kaj laboro por la universala paco.

El «Via lucis» (La vojo de la lumo):

Rifuzante la latinan lingvon kiel universalan, Comenius diras: «Ĉar niaj ideoj nun pli alten iras, ni ne trovas alian helpon, ol konsili prefere lingvon tute novan. Restas do nenio alia ol krei lingvon novan, superantan ĉiujn lingvojn jam konatajn per facileco, por ke oni povu ĝin lerni sen perdo de tempo kaj de aferoj; per dolĉeco, por ke estu ĝuo ĝin lerni kaj ellerni; per la perfekteco, por ke ĝia posedo utilu al la aferoj mem».

«Ne ekzistos eble iu, kiu dubus, ĉu estas ebla krei lingvon novan. Se tamen tia ideo montriĝus, mi respondos, ke tia lingvo estas ebla. Se donadi nomojn al objektoj estis permesite al Adamo, al filozofoj, al metiistoj k. t. p. ĝis nun: kial ne ankaŭ verbojn, partikulojn kaj la ceteron, kio apartenas al la tuta lingvo?»

«Kaj se tiom da lingvoj naskiĝis per sola miksiĝo, kial ne povus esti kreita unu laŭ racio kaj konsento?».

«La saĝuloj devos do ĉiel pensi je maniero, kiel ili mem lingvojn diversajn ellernadus, aŭ kiel ili unu lingvon kreus, per kiu ili mem reciproke parolus kaj pri ĝi naciojn plej diversajn facile povus instruadi». «Sed nepre estas pli aprobinda la vojo, ke unu lingvo komuna al la tuta mondo estu kreita».

«Per unu lingvo disvastiĝus la kulturo pli rapide, pli facile kaj pli daŭre, kaj tiu unu lingvo estus la plej evidenta signo, ke komuna lumo penetris al ĉiuj kaj ĉiu estus en ĉiu lando, en ĉiu klimato kiel hejme, ĉie komprenante ĉiujn, estante komprenata de ĉiuj». «Certe estas pli facile ke ĉiuj ellernu unu aferon, ol unu homo ĉion».

(El privata letero): «Via klopodo pri komuna skribo por la diversaj nacioj kaj lingvoj min multe ekinteresis, kvankam mi ne esperas de ĝi tiom, kiom mi dezirus. Milfoje pli bone estus havi lingvon novan, laŭracian».

«Kiel Zeŭksis, kiu Helenon pentri volante, al si venigis belkreskajn virgulinojn, kiom da ili estis eble trovi, kaj ĉion zorge sur ĉiuj ekzameninte, kiun membron ĉe iu li vidis superanta la aliajn, tinn li aplikis al sia Heleno, kaj tiamaniere, li feliĉe esprimis iun ideon de la plej ekstrema beleco: io simila ankaŭ ĉi tie povas fariĝi, se, kion ajn iu lingvo havas speciale solidan, ornaman, energian (apenaŭ iu tiom estas malfeliĉa, ke ĝi ne havus ion preferindan antaŭ la aliaj), se do ĉio ĉi tio de ĉie estus kolektita kaj en tiun unu lingvon harmonie kunportita, por ke el multaj ĉarmoj fariĝu unu, sed de la ĉarmoj kvintesenco».

El bohema lingvo
*Ed. Kühnl*

---

# MALAMIKA AMIKINO!

Laŭ via diro, bela sinjorino;
vi estas mia amikin' sincera,
sed vi min suferigas senkompate
per terura sufero senespera.

Ĉu povas esti du kontraŭaj sentoj?
ĉu via brust' enhavas koron tian...
koron, kiu samtempe povas ami
kaj suferigi per la am' alian?

Vi ordonas al mi ke mi estingu
de mia koro la bruligan flamon.
Mi tion ne atingos; mi ne povos
en mia brust' mortigi mian amon.

Vidi la feliĉegon deziratan
kaj elteni perforte mian senton!...
sed ĉu mi devas mian tutan vivon
suferi de Tantalo la turmenton?

Mi estas vir' amanta kaj pasia
kaj mi vin amos ja ĝis mia fino;
haltigilon regulan mi ne havas
kiel senviva blinda la maŝino.

Mi, do tute ne povas min direkti
nek elekti la sentojn nek la emojn
ĉar tiam mi, feliĉe ne elportus
tiajn grandajn dolorojn kaj korpremojn.

Grandega interspac' inter ni estas,
pri kredo kaj pri land' estas malsamo,
sed ĉiujn barojn tute disfaligas
la grandega potenco de la amo.

Amu min ne ŝparante vian senton;
amu tute senlime, Sinjorino!
estu via anim' sentimentala,
havu koron en brust'; estu virino!

*Rafael de San Millán*



NOBELA FAMILIA TERO DE L' CID.—BURGOS

# LA BATALKAMPOJ

Sur vasta ebenaĵo semis la homa barbareco la detruon kaj la morton. Sub la detruita kamparo dormas la kadavroj, kiujn oni enterigis. Venkintoj kaj venkitoj premas sin reciproke interne de la plej amanta patrino, de la Tero. Tiuj, kiujn la malamo apartigis dum la vivo, kuŝas kune laŭ senformaj amasoj, kunigitaj de la morto.

La perforto de la milita ciklono malpermesis ke aliaj estus trafintaj pian tombon, kaj disigitaj ĉien aperas la restaĵoj de la terura batalado. Lumigas la malproksimaĵojn, per terura fulmado, malproksimaj bruladoj, kiuj daŭrigas la detruantan laboron de l'homoj.

Pli malproksime ankoraŭ, nun la doloro enigas siajn sangavidajn ungegojn en vilaĝojn kaj urbojn. Ĝis hodiaŭ tie loĝadis feliĉe kaj kontente la patrinoj, edzinoj kaj gefiloj de tiuj, kiuj sub kaj sur la batalkampo dormas eterne. Por la patrinoj, edzinoj kaj gefiloj, nun komenciĝas la batalo, maldolĉ-

igata de la malespero, ombrigata terure de la tragika rememoro; malespero kaj rememoro pligrandiĝantaj pli kaj pli en la koro de tiuj, kiuj ankoraŭ batalas senlace por atingi, preskaŭ certe, morton fatala. Tiuj nekapablaj por tiu ĉi batalo, terura, maldolĉa kaj lasta batalo, atendos la malvenkon, sorbantaj ĉiajn maldolĉaĵojn de la vivo, tiel feliĉa antaŭe!...

Kaj oni estus povinta eviti ĉion per iom malpli da propra amo de tiuj, kaj iom malpli da fiereco de aliaj!...

La neĝo de la vintro ĉion kovros kaj malaperigos la terurigan vidaĵon de la militoscenejo. Sur ĉi tiun falos, fandante la neĝon poste, la unuaj radioj de la Suno, kaj kiam reaperos la scenejo, kaj la aero trankviliĝos, Ĝi lumigos la unuajn burĝonojn de la nova vivo, kiun gajigos la birdoj per siaj kantoj; la birdoj kantantaj, sur la dispecigitaj artileriaj veturiloj, la unuan himnon al amo, dum la tero balzamigos, per siaj fruaj floroj, tiun aeron en kiu nur sin agitis la morto.

Pli malfrue nova vivo rekomenciĝos tie, kaj de la pasinta detruado nur restos neforgesebla rememoro; sed fine, alvenos la forgeso, ĉar ĉio alvenas. La morto aliformiĝos je vivo. Por ĝi la tempo estas nur okazaĵo. Nur ekzistas la eterno kaj Ĝi efektiviĝas sammaniere ĉiam spite sekunda aŭ miljara fenomeno.

Super la abomenindeco suba, nepre brilos la supra eterna beleco.

*Rigel*

Tradukis *Pacemulo.*

---

# LA SANO

Nenio valoras pli ol la sano.

Nenio estas pli malkara ol ĝi.

Sed perdinte ĝin, estas tre multekoste ĝin reakiri.

Kaj perdi ĝin estas ankoraŭ pli multekoste ol ĝin reakiri.

Bonmoreco de l'gepatroj almilitas la sanon de la gefiloj.

Malvirtoj, pasioj, malbonmorecoj, kies subtenado estas tiel kara, naskas la malsanojn.

Virtoj, trankvileco pri konscienco kaj laboramo estas kaŭzoj de sano; ili ne elspezigas monon, sed estas la solaj laŭleĝaj iloj por gajni ĝin.

Gajni monon en libera aero kaj kun taga lumo estas gajni ankaŭ sanon.

Gajni monon nokte kaj en fermitaj ĉambroj estas gajni malsanemon; tio ne estas gajni monon, sed perdi ĝin.

La infanoj kaj la fortikaj kamparanoj perdas la sanon en la urboj.

Kiuj malsaniĝas en la urbo, tiuj saniĝas en la kampo.

Amu la kampon, kaj rigardu suspekte la urbon.

Libera aero, hela suno, ĉiutaga pano, kaj fluanta akvo estas la kardinalaj punktoj de la vivo kaj la sano. Homoj bonaj kaj fortikaj nur devas sin movi laŭ tiuj direktoj.

*D-ro. Royo Villanova*

Trad. *F. R.*

---

# DEK ORDONOJ

I.—Ne lasu por morgaŭ, kion vi povas fari hodiaŭ.

II.—Ne elspezu vian monon, antaŭ ol gajni ĝin.

III.—Neniam aĉetu ion senutila, kvamkam tio estu malkara.

IV.—Neniam ĉagreniĝu tial ke via manĝado ne estas troa.

V.—Laboro farita bonvole neniam enuigas.

VI.—Ne petu helpon por tio, kion vi mem povas fari.

VII.—Vanteco kaj fiero estas pli karaj ol malsato kaj soifo.

VIII.—Ĉiam ekfaru la laboron je la komenco.

IX.—Liberigu vin je priokupoj kaj suferoj, kiuj neniam alvenas, ĉar ili nur ekzistas en via imago.

X.—Antaŭ ol paroli, kalkulu ĝis dek, kiam vi estos malkontentaj; kaj kalkulu ĝis cent, kiam vi estos kolerigitaj.

*Yeffersen*

Esperantigis *R. I.*

# LA TURNIĜOJ DE LA MONDO!

*(Tragedia historieto de Cecilio Miguel Cid Rey)*

Petro estis honora modela servisto, sklavo de la plenumo de sia devo. Liaj kolegoj lin amis kaj liaj estroj lin estimis pro liaj maloftaj virtoj.

Kun la amo de sia zorgema edzino kaj de sia karesa infanino, kies belecon nenia arta produktaĵo ankoraŭ superis, Petro estis feliĉa, precipe kiam plenuminte sian devon li revenis hejmen kaj demetis longedaŭran kison sur la frunto de tiu anĝelo kiu milddigis sian vivon. Tiam, antaŭ tiu bildo, li estis preta por ĉiu ajn ofero.

Li kompatis ĉian homan malfeliĉon kaj kutimis diri al siaj konatuloj kiel konsolon: «Nia mondo estas ronda—kaj turniĝadas senĉese—, dum iuj marŝas en la supron aliaj devas malsupreniri».

Kastila proverbo jesas ke *gajeco daŭras malmulte ĉe malriĉuloj* kaj tio estis kruela vero ĉe Petro, ĉar lia keruba filino malsaniĝis je malofte kuracebla malsano.

Por resanigi tiun burĝonon nenia kuracilo ŝajnis al la kompatinda Petro multekosta, nenia pero neuzebla, kaj li blokadis la kuraciston per petegoj kaj admonoj. Sed la terura malsano iom post iom konsumis la infaninon. Krom tio, la ektimiga spektro de l'ŝuldaro ekaperis.

Kiam Petro iris plugi la kulturteron de sia mastro kutimis kisi tutkore la etulinon kaj diris: «kiam paĉjo revenos, trovos plibonfarte sian filinon, ĉu ne? La patrino sidis apud la malsanulineto ĉirkaŭante ŝin per zorgoj, kaj penante haltigi la ploradon, kiu korpremis ŝin. La kompatinda anĝelo klopodis konsoli sian patrinon dirante per sia dolĉlingvo: «Ne ploru panjo, vidu kiajn kolorojn mi havas, sendube kiam venos la kuraciston diros al ci la samon».

Iam, kiam la infanino tiel parolis, alvenis la doktoron kiu post longa ekzameno sulkigis sian frunton kaj diris al la kor'ŝirata patrino: «La etulino ne fartas plibone, kaj tio supozas posteniron».

La maleliĉa virino tro komprenis tiujn vortojn. Ŝi sin ĵetis konvulsie sur la korpo de sia filino, kiun subita krizo agitis kaj malfacila spirado sufokis de momento al momento. La etulino fiksadis siajn malfermitegajn okulojn en tiuj de sia patrino, turnis poste sian kapeton, kiun falis sur la kapkuseno, kiel spiko tranĉita de la vento, kaj ŝia animo flugis ĉielen.

Kelkaj horoj poste revenis Petro. Liaj gekonatuloj, kiuj vane estis traktintaj konsoli la malfeliĉan patrinon intencis prepari por la terura bato tiun viron tiel feliĉa kelkaj monatoj antaŭe.

.....................................

Petro ne volis ke la amata korpeto ripozu en tombo de l'Bonfarado, sed li, elĉerpinte siajn malgrandajn ŝparojn dum la malsano de la filino tute ne havis monon; krom tio li ŝuldis al siaj mastroj, al siaj konatuloj, kaj eĉ en la butiko. Do, kiun peti?

Subite li rememoris pri oran medalionon, kiun sia mortinta patro estis doninta al li sub ĵuro ke neniam li apartigos tiun familian sanktaĵon transsendita kaj transsendota de generacio al generacio.

Kion fari? La okuloj de Petro vagis de l'medaliono, kiu rebrilis inter liaj manoj al la korpo de la filino, kiu ankoraŭ kuŝis en la lulilo.

Estis nepre sin decidi, kaj li, freneza pro l'doloro, decidis esti falsĵurinto, sed honori postmorte la amatan objekton de sia animo. Sendube lia patro pardonos lin pro la gravega kaŭzo kiu altrudis al li fari tion. Li iris ĉe plej riĉa najbaro de la vilaĝo kaj petis monon pruntedonante la medalionon kiel garantiaĵo.

La riĉulo gardis la juvelon respondante ke ĝi estis ŝtelita al li kun aliaj antaŭ kelkaj jaroj, kaj ke kun la celo eltrovi la ceter-

ajn, li estis sciigonta ĉion al juĝisto. Petro restis surprizegita de tia akuzo pri ŝtelado. Dum momento li vidis sub siaj piedoj la abismon de la mizero kaj malhonoro.

Tio estis supera al lia filozofio; lia cerbo ne povis suferi tian sinsekvon de malfeliĉoj, kaj akra rido eliris el lia gorĝo dum li forkuris el tia domo kie kun la lumo de sia inteligento li estis perdinta sian lastan iluzion.

Se iam vi vizitos la azilon destinita de la Bonfarado por kiuj vivas senkonscie, vian atenton alvokos maljunulo de milda rigardo kiu ĉiam sola ripetas senĉese: «mia filino, la medaliono, mia honoro, mia patro», kaj post longedaŭra ridego kantas:

«Ĉar ronda la mondo estas,
Turniĝante marŝas ĉiam.
Ni irante supren devas,
Kontraŭen, fojon alian».

Li estas la honora Petro kiu tie estingas sian vivon.

Madrido, 22-2-1917ª.

# Apero de fluganta viro

Antaŭ iuj jaroj, multaj, ĉar mi tiam estis tridekjara, mi aŭdis rakonti, tiel eksterordinara kiel certa, okazintaĵon, okazita en terkultura domaro de fruktodona krutaĵo el la altega montaro de Granada, okazintaĵo kiun de la unua momento mi deziris verki literature. Neniam mi kuraĝiĝis fari tion, ĉar mi opiniis ke mi ne estis kapabla verki; sed hodiaŭ mi faras tion nur kiel ekzercon pri la belsona lingvo esperanta, celante uzi en ĉi tiu rakonto ĉiujn simplajn vortojn kiujn nia preciza kaj utila lingvo posedas. Ĉi tio ne estis ideo mia, iu incitis min kaj por komplezi tian amikan inciton mi tion faras; do, senkulpigu min.

Ĉu neniu el vi aŭdis paroli pri la bela montaro de Granada, kies fruktodonaj kampoj produktas ĉiajn vegetarojn, kiujn oni povas kulturi, ĉu tiujn de la plej varma klimato, ĉu tiujn kiuj kreskas ĉe la neĝo? Oranĝarbo kaj sukerkano verdigas ĝiajn valojn, iaj, multaj, odoraj kreskaĵoj kaj pinoj preskaŭ kronas ĝiajn altegajn pintojn; ĉar ĉi tiuj rokaj pintoj estas kovrataj de blindiganta neĝo, kie la vivo estas neebla, tial kiu kuraĝiĝos supreniri en tiun neĝan kampon, trovos nenian vivsignon kaj restsignojn nenies.

Je la mezo el la krutaĵo *Alpujara*, je dudek kilometroj de Granada, en bela valo, libera je la norda vento, staras terkulturadomaro. En ĉi tiu terkulturadomo, loĝis kelkaj familioj, kiuj devenas de la samaj prapatroj. La bienaĵoj estis komunaj, ĉiom kiom ili rikoltis, ili interdisdonis ĉiam egalparte; ĉio estis ĉies, kaj nenial maltrankviliĝis paco, kiu regis ĉie.

Dum la monato Septembro, je la ekkaŝiĝo de la Suno, sidantaj maturaĝuloj ĉe la pordo de la ĉefdomo, aliaj kondukantaj la bestojn al bestejoj, aliaj kunigantaj terkurturilojn por sin prepari vespermanĝi, unu el ili, akrevidanta, vidis en la ĉielo, je la direkto al Granada, ion kio atentigis lin, estis fluganta punkto nigra, kiu venis iom post iom al la kampodomo; jam oni vidis pli precize ĝin, ĝi ŝajnis stranga birdego. Vokitaj de tiu kiu ĝin vidis unue, alkuris ceteraj, kaj kvankam ili penis koni kian birdon ĝi estis, tamen ili ne sukcesis, ĉar anstataŭ longa laŭhorizontale ĝi estis longa laŭvertikale; neniel tio povis esti birdo, kio estis do? La Suno kaŝiĝis kaj la strangaĵo alprokŝimiĝis rekte samtempe malsuprenirante. Fine, malrapide la strangaĵo alteriĝis mezen la draŝejo je cent metroj de la kampodomo; ĝi ŝajnis viro.

La virinoj ekteruriĝis, sed kelkaj viroj, la plej kuraĝaj, sin direktis tien por vidi la strangaĵon; alvenante je dudek metroj, ili kuris returnen ekkriantaj terure: Ĝi estas viro!, grava persono, elegante vestita, kun ronda ĉapelo, tre altkreska, ĝi sajnas anglo!

Pro granda timo, ili sin enfermis amase en la kampodomon, fermante bone pordojn kaj fenestrojn; nur restis ekstere granda kaj nigra hundo, kiu furioze bojis. Vesperiĝis.

Kunigitaj en la granda kuirejo, ili terurigitaj ekkomentariis la misteran okazintaĵon; preskaŭ ĉiuj opiniis ke la aperanto estis pentofaranta animo ies, kiu venis peti ion kion ĝi bezonis ial por sia savo, kaj tio devis esti gravega, ĉar pro nenia bagatelo, animoj vizitas nin.

Kial la aperanto portis rondacapelon? Ĉiel nepre oni decidis koni la kialon. Tial la kuraĝuloj, decidis iri, armitaj per ĉaspafiloj, rozarioj kaj lanternoj al la loko kie alteriĝis la pentofaranta animo, kaj la plej maljuna, kiu sciis kiel oni alparolas al la animoj, irus unnavice; la rozarioj por preĝi, la lanternoj por bone vidi la aperanton kaj la ĉaspafiloj por sin defendi, se estus necese



STRATO DE BURGOS KUN LA «GIGANTEGOJ»

ĉar iel estis necese solvi situacion tiel terura, almenaŭ fari tiom kiom li povus por atingi tion.

Tion ili faris, tre kunigataj, lumigante la vojon, ŝargitaj la ĉaspafiloj, preĝante rozarion, terurigitaj de timo; sed kiam ili alvenis, vidis nenion, ĝi estis nenie, sendube ĝi sin kaŝis ie ajn, oni ne vidis restsignon ties! Neniom!

Sed rigardante, ke la nigra hundo vigla ludis kun restaĵojn ŝajne ĉifonaĉoj; ili alproksimiĝis al ĝi, vidante kontente kaj mire, ke tio, kion la hundo disrompis, estis sekaj intestoj pentritaj el kiuj iam oni fabrikis la flugintan viron, kiu estis dumvive groteska balono, el tiuj kiujn, tiu mateno mem en Granada, ŝveligis kaj liberigis, laŭ kutimo dum la festoj de la Virgulino je Septembro.

La hundo, pensanta ke, tia estaĵo stranga, kiu venis kvazaŭ birdego, ne estis agrabla por ĝiaj mastroj, kaj ke sia tasko estis defendi ilin, kaj komprenanta per sia flarado, ke la strangulo ne estis danĝera, decidis ĉial detrui ĝin, sen pafiloj, sen rozarioj kaj sen lanternoj.

Hispane verkis, *Alfonso Cisneros*

*Rimarkigo.* —Ĉi tiu historieto komika estis tradukata esperante, kiel ekzerco, de S-roj. Alfonso Cisneros, Angel Gallego kaj Ludoviko Ramírez, post tri monatoj de esperanta lernado, same kiel oni publikigas ĝin.

# APERO DE LA CIGANA GENTO EN EŬROPO

## III

Oni povas konstati ke ĝis la komenco de la XV.ª jarcento, oni ne konis en Eŭropo la ciganan genton, ĉar, kvankam oni supozas ke en Hispanujo ekzistis ciganoj de antaŭa epoko ĉe la araba popolaĉo, ne estis, nek povis esti malkaŝitaj, ĝis la plena elpelo de la maŭridoj, kaj tial ni certe povas konkludi tion, ĉar la ciganoj postiris post la mahometanaj militistaroj, kaj iris kun la araboj, laŭlonge la afrika marbordo norda, de Arabujo kaj Egiptujo en la marbordojn de la hispana mediteraneo.



DOMO DE L' «CORDON»

La unua fojo, kiam oni parolas pri la apero de tiu gento en Eŭropo, estas je la jaro 1417.

La tiamaj kronikoj parolas pri cigana popolamaso vagadanta kaj suferanta teruran mizeron, gento loĝanta provizore ĉe la Norda maro, kaj poste, je 1418, oni vidis ĉi tiun genton, malsata, malfortigita, trairanta *Valaquia'* kaj *Moldavia'*n.

De post tiu epoko, la ciganoj aperas en Svisujo kaj Italujo, je 1422; en Francujo, je 1427; en Germanujo, je 1433; en Hispanujo, je 1447; fine en la tuta Eŭropo. Nun loĝadas proksimume 50.000 ciganoj en Hispanujo; 54.000, en Hungarujo; 104.000, en Transilvania, kaj 792.000, en la cetero de Eŭropo.

Estas bone scii, ke la gento alvenanta al la pordoj de Bolonia je 1422, kaj kvin jarojn poste, al tiuj de Parizo, ne estis ciganoj

de vera hinda deveno, kiel iuj supozas, sed ke tiu gento venis de la Suba Egiptujo, elpelita el tie de la mahometanoj.

Ĉi tiu bando, konsistanta el cent individuoj regataj de estro, kiun ĝi nomis duko *Andres*, sin titolis kristana bando pentofaranta de la Suba Egiptujo, veninta en Forli'n kaj celanta iri al Romo por konfesi antaŭ la Papo.

La viroj, laŭ «Kroniko de Bolonia», portis arĝentajn orelringojn, nature frizitan hararon, nigra, kaj havis dikan vizaĝon; la virinoj



KORTO DE LA DOMO DE «MIRANDA»

estis malbelaj, tre lertaj por ŝteli kaj antaŭdiri la sorton.

Precize oni ne scias ĉu efektive ĉi tiu bando plenumis la celon, kiu trenis ĝin en Eŭropon; sed jes, ke ĝi sin prezentis je 1427 ĉe la pordoj de Parizo, dirante esti plenuminta la celon konfesi antaŭ la Papo, kiu devigis ĝin pentofari, vagadi dum sep jaroj sinsekvaj, ne kuŝi sur molaj litoj kaj eĉ ripozi sur nenia molaĵo.

Oni gastigis ĉi tiun bandon en *La Chapelle* je kvaronmejlo de la urbo—diras Pasquier—, sed ĝi tiel malbonege sin kondutis, skandalis, kaj malbone agis, ke la episkopo

de Parizo devigis ĝin forlasi la lokon, kaj li ekskomunikis ĉiujn, kiuj konsiliĝis kun iu el la bando.



Prenu da amo tiom, kiom la sobra viro trinkas da vino: ne ebriiĝu.

## Internaciaj grafikaj signoj de la vagistoj

La vagistoj helpas sin reciproke per grafikaj signoj, kiujn ili gravuras aŭ desegnas sur la muroj, pordoj, fenestroj, arboj, kolonoj, k. c.

Jen tiuj grafikaj signoj:



1.—La loĝantoj estas malamikoj.

2.—Estu sin gardema, ĉar estas danĝero: ĵus oni faris malbonaĵon!

3.—Atenton! Oni atingas facile karceron.

4.—Ne petu, ĉar oni atingas nenion, oni perdas tempon.

5.—Ĉi tie oni donas manĝaĵojn.

6.—Konvenas timigi la loĝantojn.

7.—Estu sin gardema. Ĉi tie loĝas policano!

8.—Ĉi tie oni devas agi perforte.

9.—Ĉi tie oni povas ripozi, dormi.

10.—Estu singardema pro la hundo.

11.—La mastro estas tre despota kaj forta.

12.—Ĉi tie oni donas monon.

13.—Estu tre singardema, ĉar la hundo mordas, kaj la loĝantoj estas fortaj kaj malĝentilaj.

14.—Ĉi tie loĝas nur virino kun servistino.

15.—Ĉi tie loĝas sinjorinoj tre kompatemaj, el kiuj facile oni atingas ion kortuŝante ilin.

16.—Ĉi tie estas kompatemuloj, kiuj helpas kaj eĉ flegas malsanulojn.

17.—Ne timu, nepre oni devas esti obstina.

18.—Parolu pri religio, kaj ekscitu en la kompaton por atingi ion.

*El Polica Revuo*

La malsato rigardas la pordon de laborema viro, sed ĝi ne kuraĝas eniri tra tiu pordo.

—

Kiu ne estas malavara, estas pli proksima esti maljusta.

# El Germana kanto

De l'via vizaĝ' la floron
Kisas la somero bela,
Dum regadas vian koron
Froste la vintro malhela.

Eble baldaŭ, mia ĉarmo,
—Eterna nur estas Dio—
Vian koron regos varmo,
*Vian vizaĝon glacio.*

*Heine*

El Germana lingvo tradukis
*Francisco S. Merchán*

# Kion la ventumilo diras?

Ankaŭ per la ventumilo la virino diras al ni agrablaĵojn aŭ malagrablaĵojn, laŭ ŝi fermas aŭ movas ĝin.

Kiam via amatino apogas sian ventumilon sur la frunto, ŝi diras al vi: «Estu singardema ĉar oni observas nin!»

Sur la lipoj, ŝi demandas ĉu silenton ĉu konversacion.

Se ŝi malfermas tri vergetojn, ŝi diras: «Mi amas vin».

Kiam virino prenas ventumilon ĉe la ventumilpentraĵo kaj ĝin tenas tiel, montrante al vi nur ĝian vergetaron, ŝi diras: «Vi estas indiferenta por mi».

Kiam ŝi, rapide kaj forte fermas sian ventumilon, diras: «Mi malamas vin».

Por rendevui, ŝi malfermas tiom da vergetoj, ne kalkulante la unuan, kiom da tagoj devas pasi ĝis tiu de la rendevuo. Ekzemple: por rendevui ĵaŭdô, kvara tago de la semajno, ŝi malfermos kvar vergetojn, kaj poste indiferentmaniere, ŝi batetos per la ventumilo la pinton de la montrafingro trifoje, por esprimi trian horon posttagmeze. Se estus tri horojn post la vesperiĝo, ŝi batetus la pinton de la malgrandafingro. Se, poste, ŝi malfermus tute la ventumilon, tio ĉi signifus ke la rendevua loko estis interkonsentata aŭ devus fiksi ĝin la amanto; se ŝi fermus la kvar vergetojn, tiam la amanto venus sub la balkono de la amatino.

Kiam junulino donas ventumilon per sia maldekstra mano montras simpation; kaj se la junulo prenus ĝin per la sama mano, li declaras ankaŭ sian simpation; se li prenus ĝin per la dekstra, tiel li esprimus indiferentecon.

Ventumilo fermata kaj pendigata de la dekstra mano de junulino diras: «Mi deziras fianĉon». De la maldekstra: «Mi jam havas fianĉon». Kiam ŝi apogas ventumilon sur sian vangon, tiam ŝi esprimas al sia amato siajn dubojn pri lia amo. Se vi tuŝas vian hararon per via ventumilo, vi esprimas ke via penso ĉiam estas en li. Kiam vi, simpatia legantino, ventumas vin rapide, vi ĝojigas vian amaton, ĉar vi esprimas vian grandan amon por li. «Mi estas ĵaluza» vi dirus, se vi fermus rapidege vian ventumilon. «Mi apartenas al vi», kiam vi faligas ĝin. «Mi amas kaj suferas», kiam vi ĝin apogas sur la koro. Kalkuli la vergetojn diras: «Mi deziras paroli al vi». Frapi per ĝi la manplaton: «Mi pensos pri tio». Teni ĝin alterne je ambaŭ manoj: «Mi scias ke vi amindumas alian». Preni ĝin per ambaŭ manoj: «Amu min». Frapi per ĝi kiun ajn objekton: «Mi estas senpacienca». Ne uzi ventumilon: «Mi ne volas amon». Meti ĝin kvazaŭ lumevitilo: «Vi ne plaĉas al mi». Sin ventumi en la balkono: «Tuj mi elliros». Eliri al la balkono kaj ne malfermi la ventumilon: «Hodiaŭ mi ne elliros». Rigardi multe la ventumilpentraĵon: «Vi plaĉas al mi». Inter geamantoj, donaci ventumilon estas antaŭdiro pri tujaj malagrablaĵoj.

*Fakiro*

# Lastaj vortoj de iuj famkonataj homoj

La episkopo *Acuña* diris al la mortigisto: —Mi pardonas vin, sed premu fortege.

* * *

En sama momento *Ana Volena* diris: —Mia kolo estas malgranda, ĉu ne?

* * *

*Simon Bolivar* fermis siajn okulojn ekkriante:

—Unuiĝon, Kolombianoj, unuiĝon spite ĉio!

***

*Lord Biron* diris:

—Nun mi ripozos!

***

*Cervantes*:

—Ĉi tio estas morti!

***

*Dante* parolanta al nevideblulo:

—Venu, venu al mi!

***

*Danton* diris al la mortigisto:

—Atentu junulo, montru mian kapon al la ĉeestantaro; estas grave ke la popolamaso vidu ĝin!

***

*Frederiko V.ª de Danujo:*

—Ne estas eĉ guto de sango en miaj manoj!

***

*Goethe:*

—Lumo!... Pli da lumo!... Permesu ke la lumo eniru!

***

*Isabelo de Anglujo:*

—Mi estus donanta ĉiujn miajn regnojn, se oni donus al mi unu horon plu!

***

*Mahometo*, levante la okulojn ĉielen:

—Dio! Mi aŭdis vian voĉon! Mi iras al Vi!

***

*Meliton*, kiu estis blinda, ekkriis:

—Nun, mi ekvidas brili mia tagiĝo!

***

*Mozart:*

—Permesu al mi aŭdi ĉi tiun muzikon, kiu ĉiam estis miaj feliĉo kaj konsolo!

***

*Nelson* en Trafalgar:

—Mi dankas Dion, ĉar li permesis al mi morti dum la plenumado de mia devo!

***

*Quevedo*, la satira kaj sprita poeto kaj kavaliro, parolanta pri sia funebra ceremonio, mortis dirante:

—Tiuj, kiuj aŭdos la orkestron, pagu ĝin!

***

*Rabelais:*

—Faligu la kurtenon, ĉar la komedio finiĝis!

***

*Lamennais:*

—Ĉu ni revidos nin?

***

*Washington:*

—Ĉi tio marŝas bone!

***

*Karolo I el Hispanujo:*

—Jam estas tempo!

***

*Dante:*

—Vanteco, vanteco, cio vanteco!

***

*Aleksandro Magno:*

—Miaj funebraj ceremonioj estos sangverŝaj.

***

*La Papo Gregorio VIª:*

—Mi amis justecon kaj malamis maljustecon. Jen kial mi mortas en azilo.

***

*Romaj gladiatoroj:*

—Cezaro! Mortontoj salutas cin!

# Esperanta movado

*Madrido.*—Zamenhofa federacio sukcesas pli rapide ol oni povis konjekti.

Nun la komitato entreprenis gravan laboron por interesigi altrangajn personojn kiuj favorigos nian entreprenon esperantan. La reĝa komisaro pri turismo, S-ro. Markizo de Vega Inclán multe interesiĝis pri nia lingvo kaj elmontris agrablan surprizon kiam oni prezentis al li belegajn ilustritajn gvidlibrojn el diversaj landoj de Eŭropo. Li esprimis opiniojn favoraj je nia lingvo kaj promesis helpi Esperanton en nia patrujo, laŭdante nian laboron.

Zamenhofa komitato opinias estas necese fari grandan propagandon, unue en urbojn en kiuj estis granda entuziasmo por esperanto, restarigonte grupojn, helponte sa-

mideanojn per propagandaj cirkuleroj kaj esperantaj presitaĵoj kaj por ĉi tiu laboro, kiel eble plej baldaŭ, Centra Madrida Grupo eldonos «Cartilla Esperantista», kaj oni liveros senpage ĝin al samideanoj de tiuj urboj; due, en urbojn kaj vilaĝojn.

La direktoro de Supera Komercalernejo anoncis je la pasinta Januaro *Oficialan Kurson Esperantan.* Je la unua de Februaro malfermis la kurson kun ĉeesto je dekok lernantoj, kiuj entuziasme lernas kaj baldaŭ fariĝos novaj fervoraj pioniroj de nia kara lingvo.

Ĉe la *Institución de los Amigos de la Enseñanza* (kvartalo *Prosperidad)* okazis la 11.ª de la pasinta monato grava festo esperantista. La salonego estis tutplena je fraŭlinoj kaj sinjorinoj speciale. Oni malfermis la feston ludante pianc la himnon fraŭlino Sara Rodríguez, kaj ĥoron kantis samtempe la Esperon. Poste estis koncerteto dum kiu gefratoj Baños bonege ludis kordinstrumentojn, ili formas kvarteton aŭskultinda. Faris paroladojn pri nia kara lingvo sinjoroj Julio Mangada Rosenörn, D-ro. Rafael Barrantes kaj fine la prezidanto de la societo S-ro. Vicente García Ruiz. Fine oni ludis teatraĵon kaj dancis.

La entuziasmo por kaj pri Esperanto multe kreskas en ĉi tiu kvartalo, kaj jam oni projektis fari propagandajn ekskursojn al apudaj urboj dum la venonta printempo.

Nia samfederaciano S-ro. Johano Calahorra senlace laboras, kaj tial ke li havas grandan entuziasmon kaj specialajn kaj rimarkindajn kondiĉojn kiel propagandisto, ni esperas ke nia juna kamarado sukcesos.

———

*Orense.*—S-ro. Emilio Amor Rolan, Direktoro de la Normala Lernejo, entuziasme propagandas esperanton. Li klarigas kurson al kelkaj amikoj kaj baldaŭ malfermos oficialan kurson. Li kaj tiuj amikoj fondos baldaŭ *Orensan Grupon.*

Ankaŭ nia entuziasma kaj lerta zamenhofano projektis propagandon esperantan tra la provinco kaj faros paroladojn pri nia kara lingvo.

———

*Sevilla.*—Sukcese oni starigis oficiale *Andaluzian Federacion* kaj estis elektata la jena komitato:

Prezidanto, S-ro. Trinidad Soriano Hidalgo.

Vic-prezidanto, S-ro. Joaquín Machuca de los Santos.

Sekretario, S-ro. Marcelo Rufo Rufo.

Vicsekretario, S-ro. Antonio R. Carrera.

Kasisto, S-ro. Andrés Castro Alonso.

Kontoro, S-ro. Carlos Martínez.

Unua voĉdonanto, S-ro. Ignacio Auñón Chacón.

Dua, F-ino. Carmen Hernández de Santa Olalla.

Tria, S-ro. Rafael Fiol Paredes.

Poste oni decidis ke ĉi tiu gazeto estu oficiala organo de la federacio.

Entuziasmaj samideanoj el Jaén, Baza, Nerva, Pueblo Nuevo del Terrible, Río Tin-



ARKAĴO «FERNAN-GONZALEZ»

to, San Juan de Aznalfarache, El Valle, Villanueva del Arzobispo, Córdoba, San Fernando, kaj Melilla, aliĝis, kaj oni atendas novajn aliĝojn.

«Hispana Esperantisto» je la nomo de zamenhofanoj tre entuziasme, varme, aplaŭdas la sukceson de andaluzianoj, kaj de hodiaŭ mem zamenhofanoj kaj andaluzianoj frate laboros, ili helpos sin reciproke, ĉar sola celo gvidas ilin, kaj ili esperu baldaŭan kuniĝon de aliaj kaj tial pli sukcesigi Hispanan Konfederacion.

———

*Santander*.—Ĉi tie kelkaj samideanoj multe laboras progresigi esperanton kaj baldaŭ certe estos Grupo. Antaŭen bravaj kamaradoj!

———

*Burgos*.—Ĉi tieaj samideanoj laboras kiel eble plej bone, ŝajnas ke esperanto baldaŭ renaskiĝos ĉi tie.

———

*Logroño*.—S-ro. Jozefo Perogordo, antikva lerta, entuziasma kaj senlaca samideano klarigas kurson ĉi tie kaj laboras fondi Grupon.

———

*Tarrasa* (Barcelona).—La Grupo *Lumon* translokiĝis de la strato *Norte, 26.ª* al la strato *San Antonio 64.ª*, kie ĉiuj en kaj eksterlandaj esperantistoj havas sian novan hejmon. S-ro. Sebastiano Chaler klarigas en ĉi tiu grupejo esperantan kurson al 25 lernantoj.

Kelkaj *lumonanoj* fondis ekskursan fakon por propagandi esperanton tra la tuta regiono kaj admiri la belajn naturajn vidaĵojn kaj artajn monumentojn de la regiono, organizante agrablajn kaj fratigajn ekskursojn.

Ĉi tie oni povas konstati ke Esperanto iras de sukceso al sukceso. *Korespondanto.*

———

CUBA

*Habana*.—De la 22.ª ĝis la 29.ª de Januaro okazis ĉi tie la 2.ª Kongreso de la «Amerika Instituto pri Internacia Leĝoscienco». Ĉi tiu grava institucio havas sian sidejon en Washington kaj kiel filioj Naciajn Societojn en la 21 amerikaj respublikoj. Grava kaj interesa estis la programo de la Kongreso, kaj ĝiaj konkludoj, submetotaj al posta studado kaj aprobo de la naciaj societoj, estas vera kodo pri nova internacia leĝoscienco.

La januara eldono de la gazeto «Latinamerika Esperantisto» estis dediĉata al tiu kongres—pro tio ĝi aperis nur en hispana lingvo—enhavante ampleksan artikolon, titolita «La lingva problemo en la Internacia Leĝoscienco», verkita de D-ro Antonio Alemán Ruiz. En ĝi oni certigas, ke ekzistas grava lingva problemo en la diplomatia vivo kaj ke estas necese ĝin solvi tuj; oni faras detalan ekzamenon historian pri la afero kaj montras, ke tri lingvoj, unu post la alia, ludis la rolon de lingvo internacia: la latina, la hispana kaj la franca; ĉi tiu lasta ankoraŭ ludanta tiun rolon. Post prezentado de argumentoj por pruvi, ke la nuna maniero solvi la problemon estas netaŭga, oni alvenas al la konkludo, ke estas necese oficiale akcepti neŭtralan lingvon internacian kaj prezentas la tri proponitajn solvojn, rilatantajn al akcepto de mortinta lingvo natura, de vivanta lingvo natura kaj de artefarita lingvo; sekvas diskutado por konkludi, ke nur artefarita ligvo povos ludi tiun rolon. Poste oni pritraktas la profitojn eltirotajn en la diversaj fakoj de la internacia vivo oficiala per la uzado de tiu lingvo, kiu devos esti, kompreneble, Esperanto.

Oni disdonis la gazeton al al kongresaj Delegitoj, kun la peto ke ili donu iliajn opiniojn. Multaj Delegitoj promesis tion fari post la legado de la verkaĵo, kaj tiujn opiniojn oni sciigos.

———

**Sendu al ni esperantajn sciigojn**

———

Ĉiu, kiu abonos ĉi tiun revuon kaj sendos al ni kvincentiman poŝtmarkon, ricevos senpage «Pri Cervantes kaj lia famkonata verko El Quijote»

kaj «Tri rakontoj kaj kelkaj versaĵoj». Abonantoj, sendu al ni kvincentiman poŝtmarkon kaj vi ricevos ambaŭ broŝurojn.

Dum la jaro abonantoj ricevos senpage aliajn eldonotaĵojn.

## Zamenhofa Federacio

**Listo de membroj kaj abonantoj de Hispana Esperantisto**

49.—Rafael Barrantes. Augusto Figueroa, 23, *Madrid.*
50.—Epitacio García. Conde de Barajas, 4.
51.—Agustín Caro. Plaza del Angel, 21.
52.—José M. Vázquez. Ave María, 46.
53.—Justo Pérez. Sacerdote. Párroco de Chamberí.
54.—Indalecio Rosch. Camino Bajo de San Isidro, 2.
55.—Domingo Azpizúa. Colegiata, 13.
56.—Máximo Domínguez. Reloj, 8.
57.—José Sobejano. Caballero de Gracia, 50.
58.—Antonio Pintado. San Pedro, 9 y 11.
59.—José Fernández. Concepción Jerónima, 19.
60.—Juan Serra. Libertad, 70, *Liria* (Valencia).
61.—Emilio Amor. Luis Espada, 11, piso 2.°, *Orense.*
62.—Manuel Cano. San Pedro, 15, *Gavá* (Barcelona).
63.—F. Serrano Olmo. M. Bañuelos, 7, *Córdoba.*
64.—Grupo Esperantista de Córdoba. Judería, 13.
65.—José Perogordo. Comandante de Artillería. *Logroño.*
66.—Carlos Bosch. Plaza de Prim, 12, *Burgos.*
67.—Juan Anguita. Martínez Molina, 9, *Jaén.*
68.—Grupo Socialista Esperantista (dos suscripciones). Navas, 9, *La Arboleda* (Vizcaya).
69.—Juan Rincón. Navas, 13.
70.—Nicolás Lázaro. Nueva, 2.
71.—Isaac Serrano. Plaza de Perez Galdós, 3.
72.—León Alonso. San Francisco, 6.
73.—Celedonio Luengo. Orconera, 15.
74.—Víctor B. Gómez. Trueba, 3.
75.—Trinidad Soriano. Espíritu Santo, 21, *Sevilla.*
76.—Grupo Esperantista de Sevilla.
77.—Esteban Chaler. San Mariano, 124, *Tarrasa* (Barcelona).
78.—Francisco Guitart. Plaza del Dr. Murillo, 7, *Vendrell* (Tarragona).
79.—A. Tomás Iglesias. Cervantes, 13, *Santander.*
80.—Antonio Lozano. Bailén, 24, *Madrid.*
81.—Julio Nava. Magdalena, 26.
82.—Félix Almestre. Travesía S. Lorenzo, 6.
83.—Mauro Bajatierra. Torrijos, 18.
84.—María Juana Asenjo. Luchana, 11.
85.—Benigno de Luna.

*(Daŭrigota)*

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

# VENDOTAĴOJ DE HISPANA ESPERANTISTO

ĈIAM ANTAŬPAGON PER POŜTA ĜIRO




PRI CERVANTES KAJ LIA FAMKONATA VERKO *EL QUIJOTE*, Prezo: Pt. 1,00 (Sm. 0,400), kaj TRI RAKONTOJ KAJ KELKAJ VERSAĴOJ originale kaj esperante verkitaj de Rafael de San Millán. Prezo: 50 centimojn (Sm. 0,200). Duonon da rabato por zamenhofanoj. Neafrankite.—HISPANA GRAMATIKO ESPERANTA kun PRAKTIKA TEMŜLOSILO por ĈIUJ LANDOJ de *Julio Mangada Rosenörn*. Dua eldono korektita kaj pligrandigita, premiita per *Honora Cito* laŭ Reĝa Ordono de la Militministrejo, je la 16.ª de Aprilo de 1912, kaj laŭ Reĝa Ordono de la 8.ª de Septembro lasta, tiu Ministrejo sciigis la *utilecon* de ĉi tiu verko. Prezo: Gramatiko, Pt. 1,50 (Sm. 0,600); Temŝlosilo, pesetojn 1 (Sm. 0,400). Kvinonon da rabato por zamenhofanoj. Afrankite.

---

Hispanaj propagandaj cirkuleroj. 1.000 po 13 pt. 100 po 1,60 pt. Afrankite.

---

Oni liveras afrankite verdan stelon, arĝenta, arta, tre bona emajlo, po 2,25 pesetoj specimeno. Dekduope oni faros rabaton. Ĉi tiu stelo estas la plej bela el ĉiuj, sur arĝenta radiigita disketo kuŝas la verda stelo.

---

Cent poŝtkartojn, ĉu kun la portreto de la Majstro, ĉu kun la suba alegorio, aŭ laŭvole: Pt. 3 (Sm. 1.200). Por zamenhofanoj sesonon da rabato.

"Unuiĝo de Esperanto kaj Presarto estas la plej granda monumento de l'Homaro"